Año XIV N.° 2 (132) ABRIL-MAYO 1962

# Boletín

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA



**Valladolid.**—*Preĝejo Sankta Paŭlo.*

**BOLETIN**
DE LA
**FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Redaktoro: S-ro Angel Pérez Saura

Kotizoj de la Federacio por ricevi BOLETIN
Membro abonanto: 60 pesetojn, jare.
Membro subtenanto: 120 pesetojn jare.
Ĉi tiuj membroj ricevas du ekzemplerojn se ili tion deziras.
Eksterlandaj abonoj: Minimume, 60 pesetojn jare.
Kolektivaj membroj: 6 pesetojn jare.
La grupo ricevas po unu ekzemplero por ĉiu deko de tiuj membroj.

Korespondaj anoncetoj: 10 pesetojn aŭ du respondkuponojn ĉiu 20 vortoj aŭ frakcio.
Pri aliaj anoncoj, bonvolu peti informojn.

Antaŭ ol sendi leteron rimarku ke:
Oficialaj aferoj devas esti adresataj al:
**Federación Española de Esperanto**
Str. Marqués de Caro, 6, Valencia (Hispanujo)

Originalojn, solvojn de enigmoj, sugestojn por **Boletín**, k. t. p., adresu al:
S-ro Angel Pérez Saura **(por Boletín)**
Str. V. Sancho-Tello, 24, b. d., Valencia (Hispan.)

Monsendojn adresu nepre al:
S-ro Ernesto Guillem Tarín
Str. Marqués de Caro, 6, Valencia (Hispanujo)
(Klarigante la destinon de la sendita mono: por HEF, por **Libroservo**, por **Boletín**, por io alia).

Kaj sendaĵojn pri statistiko kaj informado sendu al:
S-ro Salvador Aragay (HEF-informoficejo)
Str. Arce, 8, 2-°, 4.°, Cornellá (Barcelona) (Hisp.)
Tiamaniere vi helpas al la POŜTOFICEJOJ, al ni, kaj al vi mem.

EBLE VI ESTAS UNU EL TIUJ KIUJ NE UZAS TRAFE LA ADRESOJN SUPRE PRESITAJ. LEGU DENOVE NIAJN INDIKOJN KAJ AGU KONSEKVENCE. DANKON!

## PRELEGVOJAĜO

La elstara egipta propagandisto de esperanto D-ro T. Megalli, deziras prelegi en Hispanujon. Grupoj kaj privatuloj pretaj helpi gastigante lin, povas sugesti proponojn, skribante al tiu adreso: D-ro T. Megalli. Múnsing/Starnberger See. Germanujo.

# JEN LA SEKRETARIO

Sekve ni publikigas la liston de la sekcioj kaj grupoj kiuj dum 1961 aliĝis al nia Federacio. En tiu listo mankas la nomon de kelkaj grupoj kaj la nombro da membroj de aliaj ne respondas al la vero, parte ĉar, nome Valencio, la plej granda parto el la membroj estas individuaj membroj de HEF; parte, ĉar kelkaj grupoj nur pagas kotizon kiel unu individua membro. Ni esperas ke iom post iom ĉiu esperantisto en Hispanio kontribuu direkte, aŭ, pere de la grupoj, al la fortikigo de HEF.

La nombro de membroj estas proksimume:

| | Membroj |
|---|---|
| *Hisp. E-Fervojista Asocio.—Barcelona* | 195 |
| *Esperanto Grupo.—Bilbao* | 175 |
| *Esperanto Fako.—Sabadell* | 160 |
| *Esperanto Fako.—Tarrasa* | 135 |
| *Sociedad Esperantista.—Tenerife* | 110 |
| *Instituto de Esperanto.—Barcelona* | 95 |
| *Madrida Esperanto Klubo.—Madrid* | 90 |
| *Aŭroro.—Barcelona* | 50 |
| *Junulara Sekcio.—Barcelona* | 40 |
| *Lingua Club.—Manresa* | 40 |
| *Valencia Esperanto Grupo.—Valencia* | 40 |
| *Club Fábrica.—Mieres* | 25 |
| *Baleara Esperanto Asocio.—P. Mallorca* | 25 |
| *Instituto Iriarte.—Tauste* | 21 |
| *Esperanto Grupo.—Monforte de Lemos* | 21 |
| *Esperanto Grupo.—Moyá* | 21 |
| *La Verda Kolombejo.—El Entrego* | 21 |
| *Esperanto Grupo.—Pontevedra* | 12 |
| *Agrup. Musical Los Silos.—Burjasot* | 12 |
| *E-Grupo.—Santa Coloma de Gramanet* | 12 |

***kaj la grupoj el Santander, Cheste, Zaragoza, Mahon, Stelo de Paco (Barcelona), Club Deportivo Eibar, Nordo (Oviedo), Pedralba, Ripollet, Tierra y Mar (Sabadell), San Feliu de Codinas, Valladolid, kaj Málaga, kies nombro de membroj ni kalkulas po 10, en ĉiu el ili.***

# XXIII Congreso Español de Esperanto

## PROGRAMA

### DIA 24 DE JULIO

18 horas. — Apertura de la Oficina de Recepción e Información. Avenida del General Franco, 5. (Locales del S. E. U.)
20 horas.— Velada de intercambio y salutación. Hotel Felipe II.

### DIA 25 DE JULIO

9 horas.—Santa Misa en la iglesia Parroquial de Nuestra Señora de la Antigua, con predicación en Esperanto.
10,30 horas.—Solemne sesión de apertura, en el Aula Magna de la Universidad, con asistencia de las principales autoridades locales, provinciales y regionales.
12 horas.—Fotografía colectiva de los congresistas.
12,45 horas.—Visita al Círculo de la Victoria.
16,30 horas.—Primera reunión de trabajo de los delegados de Asociaciones y Grupos.
18 horas.—Reunión general de Katolika Esperantista Hispana Asocio, sección española de I. K. U- E.
19,30 horas.—Conferencia en Esperanto.
22,30 horas.—Fiesta folklórica en el Auditorium del Campo Grande, patrocinada por la Delegación de Información y Turismo.

### DIA 26 DE JULIO

10,30 horas.—Visita a la fábrica de automóviles F. A, S. A. Para esta visita saldrán los autocares de la Plaza Mayor a las 10,15.
12 horas.—Descubrimiento de la lápida que da el nombre de «Esperanto» a una nueva calle del ensanche de la ciudad.
13 horas.—Visita a la Casa Consistorial y recepción del Sr. Alcalde a los congresistas.
16,30 horas.—Visita al Museo Nacional de Escultura.
18 horas.—Sesión de trabajo de los delegados.
18,30 horas.—Reunión de la Sección Juvenil de la Federación Española.
19 horas.—Conferencia en español, sobre Esperanto.
20,30 horas. - Concierto por la Coral Vallisoletana en un teatro.

### DIA 27 DE JULIO

10 horas. —Visita a monumentos artísticos e históricos, entre ellos la Casa de Cervantes, el Colegio de Santa Cruz y el Museo de los Filipinos. Esta visita se hará en autocares.
14 horas.—Comida de hermandad en el Hotel Felipe II.
17 horas.—Exámenes.
18 horas. — Sesión final de trabajo y Junta general de la Federaclón. Preparación de las conclusiones.
20 horas.- Sesión solemne de Clausura, con asistencia de autoridades, en el Aula Magna de la Universidad.

### DIA 28 DE JULIO

8 horas. - Salida de los congresistas en autocares para visitar Tordesillas y Medina del Campo, donde se hará la visita al Castillo de la Mota, regresando por Olmedo.

---

## GRAVA SCIIGO

*La H. E. F. - anoj rajtas uzi la servojn de UEA kiel Asociaj Membroj. Pro tio, kun la lasta numero de BOLETIN ili ricevis la koncernan MEMBROMARKFOLION por la nuna jaro. Por taŭge profiti ĉiujn avantaĝojn, ni konsilas ilin aliĝi al UEA kiel MEMBRO-ABONANTOJ kaj tial ili ricevos la monatan gazeton ESPERANTO kaj la Jarlibron kun miloj da adresoj de Delegitoj kaj Fak-Delegitoj. Skribu tuj al: Ramon MOLERA - Hispana Ĉefdelegito de UEA. - Str. Santa Joaquina, 13. - Moyá (Barcelona).*

# El Comité Organizador del XXIII Congreso Español de Esperanto, al habla

*La organización del XXIII Congreso Español de Esperanto sigue bajo los mejores auspicios. Valladolid ha acogido, en general, con franca simpatía la noticia de la celebración de este Congreso, el primero del movimiento esperantista que ha de tener como marco esta histórica ciudad. Esta simpatía se viene manifestando con frecuencia en la prensa y en la radio, que acogen sin reservas cuantas noticias sobre las actividades del Grupo Esperantista de Valladolid se les remiten, : parte de algunos reportajes, por propia iniciativa de los periódicos, y la inclusión en sus programas de nuestros cursos de Esperanto. El pueblo de Valladolid ya no ignora lo que es el Esperanto, y, en cada nuevo curso que se anuncia todos los años en el mes de Octubre, se presenta gran cantidad de alumnos de todas las clases sociales, que nutren y dan nueva savia a nuestro Grupo «Fido kaj Espero».*

*Esta simpatía se ha hecho patente en las principales Autoridades de la localidad, de la provincia y de la región, con ocasión de las visitas realizadas por el Comité Organizador del Congreso. Todas, sin excepción, han aceptado gustosas su inclusión en el Comité de Honor, y han prometido su asistencia a la sesión de apertura, que se celebrará con toda solemnidad en el «Aula Magna» de nuestra prestigiosa Universidad.*

*Merece destacarse la favorable acogida de nuestro Alcalde, que recibió con extraordinario interés nuestra petición de dar el nombre del Dr. Zamenhof o del Esperanto a una de las nuevas calles que se están abriendo en la ciudad, y bastaron unos pocos días para que la Comisión Permanente del Ayuntamiento adoptara por unanimidad tal acuerdo. No acordaron darle el nombre de Zamenhof por creer resultaría para mucha gente difícil de escribir y de pronunciar, según nos aclararon. Así, pués, Valladolid tiene ya una calle que se llama «Esperanto», enclavada en un lugar del ensanche, muy próximo al gran paseo de Zorrilla,*

*Todo ello hace augurar que nuestro XXIII Congreso ha de celebrarse en un ambiente favorable a la consecución de importantes frutos para el Movimiento esperantista y la difusión de la Lengua Internacional.*

*El programa del Congreso está lleno de atractivos, con actos culturales y recreativos, que han de proporcionar a los congresistas unos breves días de sana y alegre convivencia, gozando de las bellezas que encierra Valladolid, en sus Museos y monumentos histórico-artísticos.*

*El programa de nuestro Congreso, en esta capital de Castilla que despierta y se incorpora al movimiento en favor de la Lengua Internacional con gran entusiasmo, como e puede apreciar, es atractivo. Pero tanto el Comité Organizador como la Junta Directiva de la Federación Española de Esperanto desean que este Congreso sea fructífero y prometedor de nuevas conquistas en el campo de la cultura, por la prapagación del Esperanto. Por ello, es de esperar una gran afluencia de esperantistas de toda España y si es posible, del extranjero, no sólo por el impacto que ha de producir en Valladolid y en toda Castilla y regiones vecinas, sino por la importancia de los acuerdos que se adopten, para lo que es necesario la aportación de todos los que puedan sugerir ideas y proyectos.*

*Así, pues, acudid todos los esperantistas, en masa. Preparad vacaciones para esas fechas del mes de Julio y dedicar vuestros ahorros a realizar un viaje a esta Ciudad, llena de historia, para tomar parte en este Congreso. Gozaréis de emociones inolvidables y contribuiréis a la gran obra de lograr un mayor impulso en la difusión y desarrollo del Esperanto en España.*

*Valladolid os espera. Valladolid os recibirá con los brazos abiertos. Valladolid os pide vuestra colaboración.*

LA COMISION ORGANIZADORA.

# LIBERA FORUMO

## LA NEŬTRALECO DE S-RO SMITH

Supozeble la pli multo el la legantoj de *Boletín* ricevas la oficialan organon de UEA «Esperanto», kaj legis en la numero 676, de marto, artikolon subskribitan de N. R. Smith sub la bela titolo «Neutraleco», kies kerna parto diras: «Rilate al Esperanto mem ni ne povas esti neŭtralaj... Simile forte ni devas sinteni rilate, al la lingvo kaj ĝia strukturo; ekzistas nomoj, kiuj eldonas aŭ praktikas iun «modernan» aŭ «modifitan» aŭ «simpligitan» Esperanton. Ili ne estas niaj amikoj, sed «perfiduloj», k. t. p. Ĉar tiuj ĉi «perfiduloj» estas S-ro Isbrucker, Prezidanto de la Akademio de Esperanto, S-ro Teo Jung, Redaktoro dum 40 jaroj de la revuo Heroldo de Esperanto, kaj aliaj eminentaj akademianoj, kies nomojn mi ne volas mencii, kaj ĉar tiu ĉi artikolo formas parton de vasta kaj absurda kampanjo pri la demando—ata,—ita, mi levas kontraŭ ĝi la standardon de neneŭtraleco kaj petas, ke nia *Boletín* fariĝu luma forumo por libera diskutado de la temo. Ni povas ripeti la faman frazon «frapu, sed aŭskultu».

Regas granda konfuzo pri tiu ĉi afero, kiun multaj ne komprenas, kaj kiu tamen estas tre simpla, kaj almenaŭ por hispanoj tre facile komprenebla. Mi prezentos ĝin per malmultaj vortoj, kaj mi petas al la Redakcio de *Boletín* la publikigon de ĉies opinioj kaj argumentoj, kun absoluta ekskludo de ofendoj kaj personaj atakoj.

Kiel enkondukon, mi devas diri, ke mi konsideras la heredaĵon de nia Majstro ne io dogma kaj tabua, sed praktika lingvo kiu devos funkcii por la estontaj generacioj; kaj ke por Zamenhof pli gravis la celo ol la rimedo, kaj ke li defendis la Fundamenton por teni la unuecon de la lingvo, sed ne dogmigis ĝin, kaj ĉiam li diris, ke se io montriĝos ne adekvata la Akademio povos ĝid ŝanĝi aŭ modifi. Tamen ĉi-kaze ne temas pri la fundamento,sed pri ies interpreto.

La verboj de Esperanto (mi kredas tion demonstri per mia broŝuro «Perfekteco de la Esperantaj Verboj»), superas tiujn de ĉiuj lingvoj, ĉar ili estas kreitaj sur tute racia bazo; sed ili, malgraŭ siaj ses participoj, havas malfortan punkton, kaj dum la Akademio ne diris oficiale sian verdikton, neniu povas arogi al si la rajton decidi kaj kondamni.

Jen la afero: Estas fakto ne ŝanĝebla, ke ***la participoj ĉiam esprimas tempon relativan al la priparolata momento.*** Tiel «li vid*is* anĝelon star*antan*» ne signifas, kiu star*as*, sed kiu estis staranta, t. e., kiu staris; «li vid*os* anĝelon staranta». Sur tiu ĉi premiso ni povas traduki jenajn frazojn en aktivo kaj en pasivo:

(Ago antaŭa). Ellos habían pintado el barco. = Ili estis pentr*int*aj ne kiu staras, sed kiu star*os* aŭ estos staranta. La ŝipon.
El barco *estaba* pintado. — La ŝipo estis pentr*ita*.

(Ago samtempa, sed daŭranta aŭ ne finita). Ellos pintaban (o estaban pintando) el barco. = Ili pentradis (aŭ estis pentr*ant*aj) la ŝipon.
El barco *era* pintado. = La ŝipo estis pentr*ata*.

(Ago samtempa, sed ne plu daŭranta). Ellos pintaron el barco. = Ili pentris la ŝipon.
El barco *fue* pintado. = La ŝipo estis pentr... (Ĉu —ata aŭ - ita?)

Ĉar «—ita» tradukas la unuan, kaj «—ata» la duan, neniu el ili taŭgas por la tria. Ĉu iu povas demonstri la malon? Tamen tiu ĉi aserto estas «perfido» laŭ S-ro Smith. Mi firme kredas, ke la Zamenhofa lingvo havas rimedojn por solvi tiun ĉi demandon kaj mi eĉ presentis plurajn.

Bonvolu, karaj legantoj, diri vian opinion kun alta spirito, serĉante nur la bonon de la lingvo. Kiel S-ro Smith, ni ne povas esti neŭtralaj.

*L. Mimó*

# HISPANA KRONIKO

***Hodiaŭ, «Hispana Kroniko«, tiu sekcio de*** Boletin, ***kies redaktado koncernas al la grupoj, ne havas preta eĉ unu linion. Ĉu la grupoj ne aranĝis almenaŭ tiujn, ŝajne unikajn aranĝojn, kiel bankedoj aŭ ekskursoj? Certe ne. Sed okazas ke la grupoj ne havas unu personon kiu zorgos skribi almenaŭ dek liniojn ĉiu du monatoj, en hispana lingvo. Kontraŭe eĉ en grupetoj de kvaj personoj, estas troveblaj samideanoj kiu protestas, per centiniaj leteroj, en Esperanto kompreneble!, pro la ne ĵustatempa apero de*** Boletin, ***Ve, samideano Hernández! Ve, monata aperado de*** Boletin! ***Ve! Ve! Tamen, jen estas nun ĉi-tiujn du malplenaj paĝoj kvazaŭ dezerto, kaj jen estas kaŝitaj por la esperantistaro, la aranĝoj de la grupoj ekde la elementa kurso al la agado de la korbopilka teamo, aŭ la bruligado de esperanto-«falla». Jen sekve, por plenigi tiun dezerton, parto de la dua Baza Laborplano de UEA, kiu rilatas al la agado de la grupoj aŭ lokaj societoj, kies plenumado ni esperu, sed pri kies informado*** Boletin ***atendas.***

De acuerdo con este Programa Básico y con el Programa Nacional, cada Sociedad local elabore su propio programa, con especial consideración de las siguientes tareas:

(a) Fortalecimiento organizado de la sociedad; campaña especial para hacer miembros a los antiguos esperantistas que se encuentren fuera de la sociedad; hacer nuevos socios.

(b) Si es posible de algún modo facilitarse local propio y en todo caso biblioteca propia, abonarse al órgano nacional, a la revista Esperanto y a algunas otras revistas internacionales.

(c) Organizar la sección juvenil, si ésta todavía no existe.

(e) Afiliar todos sus miembros a la asociación nacional y reclutar cuantos más posibles socios individuales para U. E. A.

(f) Cuidar de que en la localidad de la sociedad y en los lugares próximos haya Delegado de U. E. A., eventualmente Vicedelegado y cuantos Delegados sobre materias concretas sea posible, principalmente sobre ciencia, educación y cultura.

g) Organizar y ayudar a la organización de Sociedades locales, en los lugares próximos.

(h) Organizar Sección Informativa, según los principios de Frostavallen y, aparte, prestar atención a la acción en las escuelas y principalmente entre la juventud (en ciudades universitarias intensificar obligatoriamente la información en la universidad).

(i) Organizar constantemente cursos para principiantes (intensa propaganda antes de los cursos) y cursos superiores.

(j) Afiliar, a los que terminen, a la sociedad local, nacional y UEA.

(k) En las ciudades más grandes, formar, bien secciones o nuevas sociedades (la experiencia demuestra que la gran mayoría de las sociedades locales alcanzan 60-80 socios, pocas veces hasta 300, lo cual hace necesario la fundación, en tales ciudades, de nuevas sociedades o secciones, bien según el criterio territorial—barrio—bien el profesional o de sección: jóvenes, estudiantes, trabajadores, intelectuales o grupos similares.

(l) Organizar regularmente reuniones semanales y mejorar considerablemente los programas (conferencias de los miembros, intercambio de conferencias con los grupos extranjeros utilizando a este fin el servicio de cintas magnetofónicas y de filmes de UEA, veladas literarias, programas de acuerdo con la colaboración de UEA con Unesco, principalmente en relación al proyecto Oriente-Occidente; teatro de aficionados y coro, diarios hablados, presentación de diapositivas, participación de viajes de conferenciantes, veladas de baile, diversiones y otras distracciones, crítica lingüística constante, con la finalidad de elevar continuamente el nivel lingüístico.

(m) Uso sin excepción y sin compromiso, solamente de la Lengua Internacional para todos los actos de la sociedad, inclusive las reuniones de la directiva.

(n) Ayudar a los órganos de la Asociación Nacional y de UEA a realizar el Programa Básico y el Plan nacional.

## ¡La Federación Española de Esperanto está de pésame!

El día 17 de enero, a los 84 años de edad, falleció en Palma de Mallorca el Ilmo señor Don Bernardo Rabasa Boeras, coronel de artillería retirado, presidente honorario de Baleara Esperanto-Asocio.

Unico superviviente de la primera promoción de *pioniroj* del idioma internacional en España, anterior al congreso universal de Barcelona (1909), era el Coronel Rabasa el más veterano de los esperantistas mallorquines. Absorbido por su deber profesional y sus investigaciones químicas, no fué una de las figuras más conspícuas en la vida social esperantista, pero siempre se interesó por el avance y difusión del Esperanto, que empleaba correctamente, de palabra y por escrito.

A pesar de su avanzada edad, en mayo de 1961, asistió a los actos del 22.° Congreso Español de Esperanto y presidió alguno de ellos, en medio del aplauso y respetuoso cariño de todos los participantes.

Particularmente, los esperantistas españoles que asistieron a ese inolvidable congreso recordarán siempre su venerable y simpática figura y se unen a los demás componentes de la Federación Española de Esperanto para significar a su atribulada familia, y, en especial a su hijo, que tan gentilmente puso a la disposición del Congreso el histórico y acogedor Centro de Estudios Lulianos, su profundo y sentido pésame.

!Descanse en paz el caballeroso esperantista!

---

## NIA FOTO SUR LA KOVERTO

Kiel ni recenzis en nia numero de pasinta Decembro, la festo de Esperanto havis, en Valencio, specialan reliefon, dank'al la partopreno de la lernantoj de S-r Felikso Navarro.

Dum la meso, celebrata de Patro Jozefo López, kiu, ankaŭ, kiel ĉiujare, predikis en Esperanto, ili kantis tre trafe, sub la lerta gvidado de sia profesoro, multajn belajn mes kantaĵojn. Ili estis tre gratulataj kaj ni ĝojas publikante tiun fotaĵon, kiu montras ilian simpatiajn mienojn, apud la bonvolema kaj meritoplena S-r Navarro.

## KVITANCO

Artikoloj ricevitaj de la Informoficejo de HEF, kies enhavo rilatas, al Esperanto. (Se eble, ni citas: nomon de la ĵurnalo aŭ revuo, lokon, daton, titolon de la artikolo, kaj, fine, la sendinton).

※ «Menorca». — 26-12-61.— ¿Qué es el Esperanto?—Andrés Murillo.

※ «Pueblo»».—9-3-62.—Informe sobre exposición de Esperanto en Madrid.— J. Manuel Gutiérrez y Ricardo Senis.

※ «Ofensiva».— Cuenca. — 19-11-61.— Pablo Redondo.

※ «Blanquinegro».—Madrid.—27-1-62. —Cartas al Director,—Giordano Moya.

※ «Blanquinegro»,—Madrid.— 3-2-62. —Cartas al Director.— Giordano Moya.

※ «Diario de Barcelona».— 7-3-62.—La ciencia y el Esperanto.—J. Climent.

※ «Boletín informativo de Carbones La Nueva».—Madrid 1962.—S. Collado.

※ «Comarca».—Mieres.— 13--62.— M. Ardura.

※ «La Voz de España.—Eibar—6-3-62. —Informe sobre un curso de E. Comisión Cultural

※ «Club Deportivo Eibar».-Diciembre 1961.—C. D. Eibar.

※ «El Faro», de Ceuta.—7-3-62.—Antonio Rico.

※ «Boletín Juventud Tarraconense».— Febrero 1962.—Giordano Moya.

※ «El Correo».—Marzo 1962.—Comentario en Cartas al Director, — Andrés Murillo.

※ «Voces amigas».—Enero 1962.—Rodolfo Canet.

El ili nur estas kontraŭa al Esperanto, la lasta.

*Ricevitaj en la redakcio:*

※ «Pequeña Obra del Sagrado Corazón.—Valladolid.—Enero 1962.- Artikoleto kun kristnaskkanto en Esperanto. Patro Antonio Costa, el San Mateo (Ibiza).

※ «Reflector»—Buenos Aires (Argentina.—Octubre 1961.—El idioma del Doctor Zamenhof; En Cheste, todos hablan Esperanto, (kun foto). Patro Antonio Costa, el San Mateo (Ibiza).




**SCIEN 'A REVUO.- -Vol. 12-a. N-roj 3-a kaj 4-a. I-II-62, Hispana peranto: D-ro Llorens. Caballeros, 9, Valencia. Jarabono: 150 pesetoj.**

Denove reaperis ĉi tiu interesa revuo, eldonita de Internacia Scienca Asocio Esperántista. La revuo, de nun, estos eldonata en Jugoslavio sub la redaktoreco de Marinko Ĝivoje. La enhavo kaj aspekto ne suferis pro la ŝanĝoj. El la ricevita ekzemplero ni menciu artikolojn, kiel: Nunaj problemoj de birdomigrado: orientado de birdoj. Pezosento kaj spritado dum interplaneda vojaĝo. La deĉifrado de la «skribo linia B» kaj aliaj ne malpli interesaj.

**A. P. S.**

---

**ORBITO.—Redaktoro: Donald W. Hoffman. 2540 Hudson Boulevard. Jersey City 4. New Jersey. Usono.**

Stencilitaj folioj senditaj de Donald W. Hoffman kun informoj pri la Unuiĝintaj ŝtatoj. Precipe, la informoj estas pri sciencaj novaĵoj. La teksto estas esperanta, sed la stilo kaj redaktado estas tro plibonigendaj.

**A. P. S.**

---

**«JUĜU MEM, faktoj pri Ĉeĥoslovakio». (dua eldono). Pli ol centpaĝa broŝuro eldonita de ŝtata preeejo Orbis. Praga.**

La broŝuro celas la propagandon, ne de la lando, sed de la politika reĝimo. Kompreneble, laŭ diras hispana proverbo, neniu ĵetas ŝtonon al sia propra tegmento: tial, se ni juĝas per «Ni juĝu mem» kio estas alia afero ol juĝu per ni mem, la reĝimo estas perfekta. Mi, kiel esperantisto, estus preferinta ke la mono destinita por tiu broŝuro, la mono aŭ la materiaĵoj, estus disponigitaj al la esperantistoj de la lando por iliaj propraj bezonoj, kiuj, ŝajne, ne trovas la adekvantan lokon inter la dujaraj, trijaraj, kvinjaraj, k.t.p., planoj de la ŝtato, se ni juĝas per la revuoj eldonitaj de la esperantistaro en ĉeĥoslovakaj rondoj.

**K. R.**

**H. A. de Hoog, D. B. Gregor, K. Kalocsay, S. La Colla, I. Lapenna, T. Nakamura («Teruo Mikami»), T. Pumpr, J. Régulo, R. Schwartz, E. Sonnenfeld, G. Waringhien: LA ZAMENHOFA ESPERANTO. SIMPOZIO PRI -ATA/-ITA.—Kovrilo de John Hartley.—STAFETO: Movado, 2.—J. Régulo, Eldonisto, La Laguno, Kanariaj Insuloj, 1961.—22,5 x 15 cm.—338 (VIII + 330) paĝoj.—Prezo: 3 usonaj dolaroj (= 180 pesetoj).**

Jen kolektiva prilingva verko de unika valoro por la pluevoluo de Esperanto! La plej eminentaj el niaj lingvofakuloj, gramatikistoj kaj verkistoj prezentas al ni science profundan studon pri la multe pridisputata problemo de la Esperantaj participoj, precipe la pasivaj *-ata* kaj *-ita*. La libro, apologio de la Zamenhofa Esperanto, eksplikas per detalegaj kaj science analizaj studoj la Zamenhofan leĝecon en la uzado de la participoj, kiu evidentas el lia tuta verkaro kaj la Fundamenta Ekzerkaro. Nome, ke la Esperanta verbo havas aspektojn, egale, ĉu ni klasu ilin laŭ De Hoog je verboj imperfektivaj *(ami)*, neŭtralaj *(konstrui)* kaj terminativaj *(perdi)*, aŭ laŭ Waringhien en la sama sekvo je verboj kun daŭro sen rezulto, kun daŭro kaj rezulto kaj kun rezulto sen daŭro. Kaj la regulo deduktenda el la Zamenhofa Fundamenta lingvouzo, kaj kiel tia la sole korekta kaj obeenda, estas en koncizo:

La pasiva participo *-ata* esprimas daŭron de la ago sen rezultatingo. La pasiva participo *-ita* esprimas finitecon de l'ago inkluzive la rezultatingon (funkcio agpriskriba); due ĝi esprimas antaŭtempecon kaj finitecon (funkcio statpriskriba). Tial ĉe verboj imperfektivaj (daŭro sen rezulto), ekz-e *ami*, *koni*, la participo *-ita* estas nur tre escepte senchava. Ĝenerale do la pasivo en preterito sonas: *estis konata, amata.*

Ĉe verboj neŭtralaj (daŭro kun rezulto), ekz-e *konstrui, skribi,* uzu en preterito *-is -ata* nur tiam, se vi emfazas la daŭron de la ago sen rezultatingo: *La domo estis konstruata en la jaro 1905* (sed eble ne finita). Uzu *-is -ita*, se vin interesas ankaŭ kaj ĉefe la rezultatingo: *La domo estis konstruita en la jaro 1906* (konstruata kaj finita).

Ĉe verboj terminativaj (rezulto sen daŭro) esprimantaj momentan agon, ekz-e *perdi, ekvidi, renversi,* oni nur escepte kaj

tre rare povas emfazi la daŭron sen rezultatingo, ĉar la ago mem jam esprimas rezultatingon. Tial ĝenerale en preterito oni uzas *estis -ita: Ŝlosilo estis perdita vespere.* Uzante ĉe tiaj verboj en preterito *estis -ata,* oni esprimas ripetiĝon de l'ago: *La ŝlosiloj estis perdataj* (ofte de hotelgastoj). *La soldatoj estis pafataj vespere* (unu post la alia). Sed: *La soldato estis pafita hieraŭ vespere.*

Ĉe verboj neŭtralaj (daŭro kun rezulto) kaj terminativaj (rezulto sen daŭro) la participo *-ita* povas ankaŭ esprimi antaŭtempecon (pluskvamperfekton): *Nur kiam la artikolo estis skribita kaj korektita venis la nova teksto.* Se pro la primara aspektesprima funkcio de la participo ne eblas esprimi antaŭtempecon, oni uzas precizigan adverbon. Ekz-e en la prepozicio *La nepentrita* (statpriskriba -ita) *pordo estis pentrita* (agpriskriba -ita), t. e. ago inkluzive rezultatingon, pretpentron, oni precizigu: *Ankoraŭ nepentrita pordo estis pentrita.* Aŭ. *Sur strato iris viro: liaj kruroj estis forŝiritaj de bombo,* bonstile sonu: *Sur strato iris viro: liaj kruroj estis subite forŝiritaj de bombo. Forŝiri* estas tie ĉi terminativo; tial *forŝirataj* signifus daŭradon, ripetadon.

Mi trovas tion neniom komplika kaj neniom nekomprenigebla al ĉiu normale inteligenta lingvouzanto. En sia brila studo Tomás Pumpr pruvas la logikecon, la regulecon de tiu Zamenhofa gramatikaĵo, kontraŭ kiu Teo Jung elpafis siajn pezkalibrajn epitetojn: bedaŭrinda eraro de Zamenhof, nelogikaĵo, absurdaĵo kontraŭ la sana homa menso.

Ne tial mi agnoskas la superecon de la Zamenhofa uzotigo de la participoj, ĉar kiel al slavo ĝi estas al mi malfrenda, sed ĉar ĝi unue estas Fundamenta, kaj due estas pli esprimkapabla, pli bona, ol la tiel nomata «nete tempa», reformita uzmaniero. En tiu ĉi verko tion rekonas kaj defendas la lingvistoj nederlandano De Hoog, anglo Gregor, hungaro Kalocsay, italo La Colla, jugoslavo Lapenna, japano **Nakamura, ĉeĥo Pumpr, hispano Régulo, franco Schwartz, germandevena argentinano Sonnenfeld kaj franco Waringhien, kun kiuj konsulte kunlaboris la famuloj Bernard, Neergaard, Rossetti, Vatré.**

Ni slavoj eĉ povas fieri pri tio, ke Zamenhof, eble el slavaj lingvoj, eble el aliaj fontoj, dotis tiun ĉi riĉigan, nuancespriman funkcion al la Esperantaj verboj, resp. participoj. Jes, ankaŭ al ni slavoj ne estas ĉio facile komprenebla kaj devas esti iom lernata en Esperanto, ekz-e la artikolo k. a., sed ne venas al ni la ideo pro tio reformi Esperanton.

La verkon sincere salutos ĉiuj, kiuj konscias, kiom grava estas severa lingva unueco ĝuste al la Lingvo Internacia, kiu ne havas la lingvotradician inercion de la naciaj lingvoj kaj male rekrutas siajn adeptojn el ĉiuj nacioj, estas daŭre elmetata al ties influoj lingvaj kaj miskutimoj, kaj aliflanke traktata ofte arbitre de tromemfidaj plimalpli arogemaj unuopuloj kiel nepreta laŭguste ŝanĝebla eksperimentilo, lingvoludilo.

Mi ne troigas asertante, ke *La Zamenhofa Esperanto* apartenas, apud la Fundamentaj verkoj de Zamenhof, apud la *Plena Gramatiko*, la *Plena Vortaro, Lingvo kaj Vivo* de Waringhien, al la plej gravaj fundamentaj verkoj de Esperanto, Esperanto tia, en kia verkas niaj plej bonaj: Zamenhof, Baghy, Kalocsay, Auld, Boulton, Rossetti k. a. Nepre devus ĝin legi kaj posedi ĉiu, kiu serioze okupiĝas pri Esperanto, ĉiu nia verkisto, redaktoro, aŭtoro de lernolibroj, sed ankaŭ ĉiu kleriĝema esperantisto.

Mi ne trovis tiun ĉi priligvan verkon seka kaj nedigestebla, sed male tre interesa, sprita. Plurajn ĉapitroj legiĝas kiel absorba beletro (*Letero* de C. E. R. Bumy, *Interludo* de Pumpr, leteroj de Raymond Schwartz k. a.). Oni instruiĝas ne nur pri gramatiko, sed ankaŭ pri reguloj de logiko.

La plaĉe grafike ekipita, bonpapera belpresa libro estu varme rekomendata.

**Jiří KOŘÍNEK**

## GRAVA ATENTIGO

Kiel ni anoncis sur nia antaŭa numero, Libroservo de H. E. F. ankoraŭ ne povis refunkcii pro la logika malordo okazigita de stapligo de mendoj, konfuzo ĉe la stokoj kaj prokrasto de korespondado. Kvankam ĉi ĉio konsistigas sufiĉe kaprompigan ĥaoson, nia samideano D-ro Tudela, per dankinda decido, transprenis la malfacilan taskon: malnodi tiun Gordianan nodon!

Do, kvankam li ne povas ankoraŭ servi tiel rapide kaj kontentige kiel li deziras kaj niaj samideanoj meritas, li jam akceptas mendojn, kiujn li servos kiel eble plej rapide, aŭ komunikos pri eblaj malfacilaĵoj.

Do, rekte al Libroservo de H. E. F.: D-ro E, TUDELA.-Ruzafa, 41-Valencia.

---

## EN LA LERNEJO

Instruisto: ĉu iu el vi povas diri al, mi kio taŭgas la felo de la bovo?

—Marinjo: Jes, sinjoro! Por ke la bovo ne disfalu!

*(El «La Praktiko»)*

---

# NI ANKAŬ

BOLETIN, ĝis nun, restis for de la ata-ita polemiko. Same kiel kelkaj drinkejoj en niaj urboj anoncas, kiel avantaĵo por la klientoj: Ni ne havas televidilon, BOLETIN povis fieris pri: Ni ne polemikas pri ata-ita. Sed la marŝo de la okazaĵoj devigas nin refari niajn vojojn multfoje, kaj jen subite, ne unu sed du artikoloj pri la at-it-ismo. Ni publikigas tiujn du artikolojn sed manifestas, plian fojon, ke la artikoloj estas tute personaj, do, la ideoj kaj opinioj, kiujn ili esprimas, estas tiuj de la verkistoj kaj ne de la Federacio, de BOLETIN aŭ de

**LA REDAKTORO**

## Alvoko pri la IV Konkurso por la Premio «Comella - Bassols»

**Oni donacos 2.000 pesetojn por la plej bona gaja rakonto en Esperanto**

*Ĝeneneralaj reguloj:*

1.ª—La konkursaĵoj nepre estu maŝinskribitaj, kaj oni sendu 4 ekzemplerojn.

2.ª—Oni skribu sur ĉiu konkursaĵo epsŭdonimon por kaŝi la identecon de l'aŭtoro, kaj – en aparta koverto—sian nomon kaj adreson kune kun la pseŭdonimo.

3.ª—La Juĝanta Komisiono, laŭ deziro de S-ro Jacint Comella, (la kreinto de la Premio) konsistas el eksterlandaj samideanoj, membroj de U. E. A., kune kun katalunaj juĝantoj.

4.ª—La konkursa kotizo, por unu aŭ pluraj rakontoj, estas 10 pesetoj por Hispanujo kaj por eksterlando, 4 steloj aŭ 3 respondkuponoj. Porlandoj kie ne estas eble sendi la kotizon, la partopreno estas senpaga.

6.ª—Kiam publikiĝos la Verdikto, samtempe estos sciigata la koncerna Juĝantaro.

7.ª—La limdato por la ricevo de konkursaĵoj estas la 31ª de Julio de 1962.

Oni sendu ĉion laŭ la jena rekomendo:

Por la Konkurso «COMELLA-BASSOLS»

S-ro Francesc Vilá - Sekrentario.
INSTITUTO DE ESPERANTO.
Str/. Montcada, 12.
BARCELONA (3).
Hispanujo.

---

## TRAFA KONSILO

**Kuracisto (al la paciento, kiu estas oficisto): Sinjoro, la sola afero, kiun vi bezonas, estas ripozo, multa ripozo. Mi do konsilas al vi, kiel eble plej baldaŭ reiri al via**

*(El «La Praktiko»)*

# NUESTROS SOCIOS PROTECTORES EN 1962

**(En esta lista no incluiremos a los que reciban dos ejemplares del Boletín.)**

D. Jesús Iriarte - Tauste
» Delfí Dalmau - Barcelona
» Carlos Belzer - Venezuela
» Miguel Manteca - Madrid
» Feliciano Martín - Madrid
P. Josep Casanovas - Gerona
D. Jaime Aragay - Barcelona
» José Hernández - Barcelona
» Juan Martínez - Bitem
» Jaime Herp - Barcelona
» Santiago Miquel - Valencia
» Santiago Arizmendi - Eibar
» Giordano Moyá - Tarrasa
» Antonio Pastor - Bilbao
» Alberto Menéndez - Gijón
D.ª Emilia Gastón - Zaragoza
» Inés Gastón - Zaragoza
D. Rafael Gastén - Zaragoza
» Mariano Gastón - Salamanca
» Antonio Gríach - Sabadell
D.ª Antonia Galbany - Sabadell
» Pepita de Caspary - Noruega
D. Rafael Herrero - Valencia
» Juan Bosch - Valencia
Fervojista Asocio - Barcelona
D. Juan Régulo - La Laguna
La Verda Kolombejo - El Entrego
Circulo Mercantil - Málaga
D. Eleuterio Moreno - Málaga
» José M.ª Bernabeu - Callosa Segura
» Siro Fernández - Alar del Rey
» Tomás Ortiz - Alar del Rey
» Pelayo Moreno - Madrid
» Jaime Perarnau - Tarrasa
» Florencio Enfedaque - Madrid
» Pedro Mata - Bañolas
» Ramón Molera - Moyá
» Domingo Cebollero - Zaragoza
» José Ballbé - Tarrasa

Hasta 31 marzo 1962.

---

## Hispana Esperanto Federacio

**INFORMOFICEJO**

Arce. 8, 2.ª 4.ª - Cornellá (Barcelona) Hispan.

### Al niaj kunlaborantoj

Interesas multe al ni, koni la detalojn pri stratoj kaj placoj dediĉitaj al «D-ro Zamenhof» aŭ «Esperanto», ĉar ni urĝe bezonas transdoni ilin al S-ro Ermigi Rodari, kunlaboranto de C. E. D. (U. E. A.).

Bonvolu indiki: urbon, nomon, daton, jaron, k.t.p.

LA DIREKTORO

# PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos recibidos desde 1.º Enero a 31 Marzo 1962)

| | Pesetas |
|---|---|
| J, Martínez, Bitem | 20 |
| L. Serrano, Osorno | 40 |
| F. Máñez. Zaragoza | 20 |
| V. Marin, Barcelona | 65 |
| J. Juan, Valencia | 15 |
| J. Lerroux. Barcelona | 40 |
| M. Elézcano, Bilbao | 25 |
| J. Masnou, Vich | 10 |
| V. Perles. Vergel | 20 |
| A. Benítez, S. C. Tenerife | 15 |
| J. Salva, Caldas de Estrach | 40 |
| A. Pastor, Bilbao | 30 |
| A. Menéndez. Gijón | 100 |
| J. Devís, Valencia | 40 |
| A. Griach, Sabadell | 300 |
| M Díaz, Argual Tfe. | 40 |
| E. Calvet, Tarragona | 25 |
| A. Gil, Vilviestre Pinar | 15 |
| F. García. Badalona | 40 |
| A. Bohigas. Barcelona | 40 |
| D. Brugués » | 40 |
| Vda. Rebello » | 40 |
| T. Apraiz, Bilbao | 10 |
| E. Larrouy » | 10 |
| C. Gutierrez » | 10 |
| J. Guio, Zaragoza | 15 |
| T. Elizondo, Cheste | 25 |
| J. Rodriguez, Madrid | 25 |
| C. Tranque, Valladolid | 25 |
| M. Sosvilla, S. C. de la Palma | 40 |
| E. Gil, Barcelona | 10 |
| M. Cantalaprieda, Valladolid | 15 |
| C, de la Cueva, Madrid | 40 |
| R. Moral. Benipeixcar | 10 |
| V. Martín, Madrid | 40 |
| A. Núñez, Pamplona | 40 |
| A. Bez, Milano | 40 |
| M. Tarragó, Almatret | 20 |
| R. Gisbert, Barcelona | 25 |
| A. García, Bilbao | 40 |
| J. Montfort, Barelona | 40 |
| J. Perarnau, Tarrasa | 380 |
| E. Roca, Tarrasa | 15 |
| S. Gumá, Reus | 40 |
| A. Ballestín, Zaragoza | 15 |
| R. Ricou, Sta. Eugenia Ter | 10 |
| J. Valls, Mataró | 40 |
| M. Ruíz, Madrid | 15 |
| F. Pérez, Suiza | 40 |
| F. Font, Barcelona | 25 |
| P. Naranjo, Jerez | 10 |
| E. Yelland. Aspremont | 40 |
| J. Guillomía, Barcelona | 110 |
| B, Serra » | 15 |
| J. Pastor, Novelda | 40 |
| E. Wolf, S. C. Tenerife | 40 |
| R. Naranjo, Lérida | 50 |
| A. Jorgensen. Kopenhago | 40 |
| F. de la Puente, Zaragoza | 15 |
| Club A. Verdad, S. C. Tenerife | 5 |
| F. Buisán, Palencia | 5 |
| S. Ortega, Mahón | 40 |
| Suma Pesetas | 2.490 |



**Valencia.**—S-ro Navarro kaj lernantoj.



PÉRIS - GRAN VIA M. TURIA, 28 - VALENCIA

Depósito Legal V. 309-1959